**DISTRIKTA KOMERCA ENTREPRENO POR POGRANDA KAJ POMALGRANDA KOMERCO URBO PLOVDIV**

Filialoj en
la urboj KARLOVO,
ASENOVGRAD kaj PARVOMAJ

NEGOCAS

per

INDUSTRIAJ

KAJ

NUTRAĴ VAROJ

**Turistoj kaj gastoj**

**de urbo PLOVDIV,**

**alveninte en la urbojn Plovdiv, Karlovo kaj Asenovgrad, ne forgesu viziti la bone provizitajn specialigitajn magazenojn, en kiuj vi trovos riĉan sortimenton da industriaj kaj nutraj varoj, ĉe altnivela kulturo de la priservado.**

# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO X SOFIA — BULGARIO
APRILO—JUNIO 1966, № 2

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## BUDAPEST — eventejo de la 51 U. K.

(Korespondaĵo speciale por „Internacia Ĵurnalisto")

La tutmonda esperantistaro jam amasiĝis antaŭ 36 jaroj en la hungara ĉefurbo; la vasta, brila koncerthalo de la apudrivera Duna, Reduto fajris de entuziasmo, kiam 1200 kongresanoj solenis la malfermon de la 21-a UK de verdstela paca renkonto. Paca, jes, laŭ volo kaj deziro de la partoprenantoj, je sojlo de l'epoko faŝisma, militema, aŭgusto 1929! La hungara Esperanto-movado enspiris liberan spiriton, naskiĝis grandaj esperoj, sed. . . . . . nur eta tempo pasis kaj fulme trakuris la terglobon la memorinde terura ekonomia krizo, disskuante multloke ankaŭ nian movadon.

Kaj tiam evidentiĝis, kiel grave fortiĝis tiu Kongreso la Esperanto-novadon en Hungario. La hungaraj esperantistoj levis malgraŭ ĉiuj obstakloj pli alten la standardo de la esperanta kulturo. Ekestis glora epoko de nia kulturo, prezentis sin vico de novaj, modernaj verkistoj kaj poetoj esperantaj. La revuo „LITERATURA MONDO„ fariĝis sub gvido de hungaraj esperantistaj poetoj K. Kalocsay kaj J. Baghy, fokuso por freŝaj

---

*NI ĈEESTU LA JARKUNVENON DE TEJA EN BUDAPEST*

*En la kadroj de la 51-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto okazos ankaŭ la regula Jarkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). Nia fakkunveno estas jam enprogramita en la kongresaj manifestacioj. Ni antaŭvidas ankaŭ vizion de TEĴA-anoj al la Hungara Ĵurnalista Unuiĝo (Sindikato) kaj iuj redakcioj en Budapeŝto.*

*La membroj (kaj ne membroj — ĵurnalistoj) de nia organizo nepre priinteresiĝu pri nia Jarkunveno, serĉu anoncojn kaj indikilojn pri ĝi en la kongresaj salonoj kaj dokumentoj.*

*La tagordo de la kunveno estas la jena:*

*1. Raporto de la Estraro pri la ĝisnuna agado de TEĴA.*
*2. Pridiskuto de plano por estonta agado kaj akcepto.*
*3. Elekto de nova estraro.*
*4. Raporto pri iu ĵurnalista temo (eventuale).*
*5. Vizitoj al Ĵurnalistaj Gvidantoj (Centroj) kaj redakcioj.*

*Ĉiuj kolegoj estas petataj sendi siajn sugestojn kaj proponojn konekse la tagordon tuj al la prezidanto de TEĴA aŭ al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".*

*Ni ĉeestu amase kaj partoprenu vigle la Jarkunvenon de TEĴA ĉi jare en Budapeŝto!*

talentoj. La Universala Kongreso rezultigis tiun tempon, kiam serenmienaj hungaraj Esperanto-profesoroj fervore klarigis la 16 regulojn de Lingvo Internacia, norde kaj sude, okcidente kaj oriente, en urboj kaj vilaĝoj de la lando, por novaj aroj de l'adeptoj.

Post triono da jarcento denove en Budapest amasiĝas la esperantistoj — sed nun ili tute aliajn cirkonstancojn trovas. Kiom turniĝis la rado de historio mondskale kaj enlande! En Hungario — iama lando de tri milonoj da mizeruloj — nuntempe nenie ekzistas la iama mizero kaj gorĝoprema fasiŝmo. Hodiaŭ jam libere spiras la hungara popolo, la ĉiutagaj homoj, inter ili ankaŭ la esperantistoj.

La Esperanto-movado nuntempe jam ĝuas fortan apogon ĉiurilatan. En pacama atmosfero ĝin helpas favore la registaro, sindikatoj, uzinoj kaj kulturpalacoj. Krome meritas mencion la apogo de la hungara preso: gazeto, revuo, ĉintaga, ĝenerala kaj faka, kiuj *iom post iom, ĉiam pli aperigas artikolojn* pri la Lingvo Internacia kaj pri ĝia kongreso. Kaj nun la invito de 51-a UK pere de la hungara registaro laŭ propono de Hungara Esperanto-Asocio, estas klara argumento al ĉiuflanka apogo de nia afero.

Bone karakterizas la staton de la Esperanato-movado en Hungario interalie la tri Esperanto-gazetoj: „Hungara Esperantisto"— pri movadaj informoj, „Hungara Vivo" — socia, kultura informo pri nia lando, „Hungara Fervojista Movado" kun sia tre varia enhavo en bonega lingvo. Ĉiutage 15 minutajn disaŭdigon esperanlingvan — dissendas la Hungara Radio. Krome la membraro de la Asocio en konstanta ritmo pliiĝas. Sur la kampo de lerneja instruado de Esperanto aperas ĉiam novaj rezultoj, eĉ ankaŭ inter la pedagogoj estes bonvenita la ideo de Lingvo Internacia. Tiun laboron helpas la ŝtata eldonejo per aperigo de Esperanto-lernolibroj.

La preparlaboroj de LoKoKo estas streĉaj kaj fruktodonja, laŭ la ellaborita plano por la brila sukceso de la 51-a Universala Kongreso de Esperanto inter 30 julio — 6 aŭgusto 1966, eventoj pere de l'Universala Esperanto-Asocio kaj de diversaj fakaj asocioj, parte kulturaj, artaj kaj distraj aranĝoj.

Por malferma kaj ferma solenaĵoj servas la granda Sporthalo (Sportcsarnok), kiu ebligas la partoprenadon de plurmiloj da kongresanoj; la bela Kulturpalco de Konstruista Sindikato (MÉMOSZ), apud la Urboarbo (Városliget), garantias la samlokan Kongresejon. Laŭ la projekto ĉi tie okazos la Generala, Komitat- kaj labor-kunstidoj, ĉefe la Estrar-kunsidoj de UEA, la sidado de l'Esperanto-Akademio. Krome tie-ĉi havos lokon la Internacia Somera Universitato kaj la Konkuroj por Belarto, Oratoro kaj Foto. Samloke okazos la hunvenoj de la diversaj fakasocioj (scienculoj, juristoj, pedagogoj, fervojistoj, naturamikoj ktp.).

Grandiozan programon promesas la Arta Festivalo. En ĝia programo okazos: Hungara Vespero, debuto de hungara popolarto, la prezentadoj de l'Internacia Arta Teatro, Bulgara Esperanta Teatro, Pola Esperanto-Teatro, Hungara Marioneto, Literatura Programo de hungaraj verkistoj, programo de l'esperantistaj verkistoj-poetoj.

LoKoKo prizorgas ankaŭ distrigon de la kongresanaro: balo en aŭlo de la Ekonomisscienca Universitato; bankedo kaj ekskursoj al interesaj objektoj. La 10-a Infana Kongreseto okazos en la arbaro Budai Hegyek, kaj en Budapeŝto — la 36-a Kongreso de la *blindaj* esperantistoj. En la universitata urbo Debrecen okazos la tradicia A n t a ŭ - k o n g r e s o kaj en Pécs — la Korgreso de T E J O. Ĉiu povos partopreni ankaŭ la P o s t - k o n g r e s o n en Szeged. Tie ĉi atendas ĉiujn luksa programo: urbovizito, koncerto de la organo, liberaera teatra prezentado, balo, folklora programo.

Sian tredician fakan Jarkunvenon havos en la kongresa urbo ankaŭ la membroj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

LoKoKo kaj la hungaraj esperantistoj atendas kun la hungara tradicia gastameco la adeptojn de la Lingvo Internacia.

**D-ro Lajos Márton**

---

PAGU VIAN MEMBROKOTIZON AŬ ABONKOTIZON!

*Se vi deziras ke la organo de TEĴA aperadu regule kaj plibonigite, tuj pagu vian membrokotizon aŭ abonkotizon al TEĴA estraro. Pagu al via landa komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA, aŭ rikte al la redaktoro en Sofia, Bulgario.*

# LA REĜINO DE LA DANUBO, LA KONGRESURBO 1966 — BUDAPEST

(Speciale por „Internacia Ĵurnalisto")



En la nuna regiono de la hungara ĉefurbo laŭ la arkeologiaj eltrovaĵoj, vivis homoj kiel en la ŝtona epoko, tiel ankaŭ en la bronza kaj ferepokoj. De la deka ĝis la kvina jarcento antaŭ la n. e. tie ĉi loĝis gentoj, poste venis keltoj, romianoj (1-a jarc. de la nova e.). Poste konkeris la regionon la hunnoj, la avaroj kaj slavaj kaj bulgaraj gentoj.

En la lasta parto de la naŭa jarcento la belan danubvalon atingis la hungaraj gentoj sub la gvido de Arpád. Post la terura invado de la tataroj la hungara reĝo Bela la IV-a konstruis en 1255 kastelon kun bastionoj, kiuj kompletigitaj dum jarcentoj nun regas super Budapeŝto ankaŭ kun la Fiŝkaptista bastiono, konstruita en 1904 j.

Preskaŭ 150 jaroj la hungaroj suferis sub la barbara turka jugo. Poste venis la aŭstro-hungara ŝtato, la batalo] de la hungaroj por libero, la revolucia agado en 1848—1849 entuziasmigita de la nacia poeto Aleksandro Petöfi. La hungaroj sukcesis liberiĝi elsub aŭstro-germana jugo apenaŭ en la fino de la Unua mondmilito.

Dum ĉiuj jarcentoj oni konstruis en Budapest belajn palacojn, monumentojn, pontojn. En la jaro 1902 estis finkonstruita ĉe la bordo (dekstra) de Danubo la Parlamento — unu el la plej belaj kaj luksaj parlamentoj de la mondo. Antaŭ ĝi estas belega placo, kie troviĝas la monumentoj de Ferenc Rákócsi kaj Lajos Kossuth, estro de la respubliko mallongtempa (1849), faligita de la cara kaj aŭstra armeoj.

Dum la Dua mondmilito la lando estis okupita de la hitlero-faŝista Germanio. La faŝista armeo ne forlasis la ĉefurbon, malgraŭ ke ĝi estis ĉirkaŭita de la venke iranta soveta armeo. Sekvis detruoj kaj ruinigoj. El la loĝejoj 93% ne estis uzeblaj, 66 000 loĝejoj tute aŭ parte ruinigitaj. La 13-an de februaro 1945 Budapest liberiĝis elsub la terura premo kaj ekstermiga suferado. La soveta armeo eniris la urbon. Komenciĝis grandioza riparado kaj rekonstruado de Budapeŝto kaj de la tuta lando. Poste komenciĝis ankaŭ la socialisma konstruado: aperis novaj uzinoj, fabrikoj, kulturaj institucioj ktp.

Plimoderniĝas kaj plibeliĝas ankaŭ la 2000-jara Budapeŝto, havanta jam preskaŭ 2 milionojn da loĝantoj.

La partoprenantoj de la 51-a Universala Kongreso de Esperanto kaj de ĉiuj aliaj esperantistaj manifestacioj havos la feliĉan eblecon ĝui la gastamecon de la budabeŝtanoj kaj de ĉiuj hungaroj, ĝui la historiajn vidindaĵojn kaj la socialismajn konkeraĵojn de Budapeŝto — la reĝino de la Danubo, de la Hungara Respubliko.

Paŭlo Balkanyi, Budapest

## ĴURNALISTOJ, PLIAGRADE UTILIGU ESPERANTON

Antaŭ la ĉi-jara kunsido de TEĴA okazonta en Budapeŝto, mi kaptas la okazon sendi al ĉiuj geanoj de nia asocio plej korajn salutojn, esperante ke ili venos multnombre al la kongreso. La TEĴA-anoj profitu la okazon por renkontiĝo kaj interparolo pri aferoj komunaj. Kunesto kun kolegoj diversnaciaj estas ĉiam interesa kaj inspira travivaĵo.

Estante alilande oni ne preterlasu okazon kontakti kolegojn (teĵa-anojn) por interŝanĝi informojn kaj ideojn kaj por akiri materialojn, kiujn oni povas poste utiligi por siaj hejmaj ĵurnaloj. Persone mi plurfoje havigis al mi interesan materialon diversspecan per kolegoj (esperantistoj diverslandaj). Lastfoje pasintjare, kiam mi estis vizite en Pollando, mi kontaktis en Varsovio la kolegon kaj estraranon de TEĴA — Jerĵi Uspienski.

Dum la vizito en Pollando mi cetere havis la plezuron renkonti multe da simpatiaj kaj helpemaj ges-anoj kiuj tre agrabligis al mi la restadon tie. Interesaj estis vizitoj en la Esperanto-kluboj en Gdansk kaj Gdynia. Estante en Gdansk mi havis ankaŭ okazon radio-paroli en Esperanta elsendo kaj cetere intervjuiĝis por alia radia programo en kiu estis uzata 3 lingvoj, nome la pola, norvega kja esperanta.

Tre inrerese estis reveni en Pollandon kaj aparate interesokapta estis la revido kun Varsovio, kle mi kongresis en 1959. El la ruinoj rekreiĝis bela, kolora kaj vigle pulsanta metropolo, kie mi pasigis belajn kaj agrablajn horojn kun gesa-noj. Esperanto multe utilis al mi en Pollando en oficejoj diversspecaj, kaj mi dankas al la ĉiam helpemaj ges-anoj polaj. **Olav Th**

---

## SCIIGOJ — SCIIGOJ

### Kongresa Gazetara Servo dum la 51-a Universala Kongreso

Estas kompreneble, ke la Kongresa gazetara Servo jam laboras de longa tempo. La kondiĉoj estas kompreneble aliaj ol en Tokio. Ankaŭ la hungara ŝtatagentejo M. T. I. dissendos ĉiutage informojn pri la Kongreso, kiel ĝi tion jam plurfoje faris en la prepara tempo. Denove oni sendos inviton al la ĉefaj gazetoj de kelkaj landoj, reprezentiĝi ĉe la Kongreso kaj raporti pri ĝi. Kiel en la pasinta jaro oni sugestas al la landajasocioj nomi difinitan personon, kiu sendos ĉiutage aŭ almenaŭ ĉiun duan tagon gravajn informojn al alia difinita persono, kin prizorgu la publikigon en la landa gazetaro. Eĉ el Tokio la pasintan jaron tion faris Germana Esperanto-Asocio kun tre bona rezulto. S-ro G. Becker krome petas la Estraron de TEĴA prepari liston de profesiaj ĵurnalistoj, kiuj povas ja plej facile enmeti artikolojn en la proprajn gazetojn. Tiu listo ankaŭ povos bone servi por la ĝenerala informado. Ĉifoje estas ankaŭ la ebleco utiligi teleksaparaton. Oni bonvolu ankaŭ tion prepari. La pola radio kaj supozeble ankaŭ la hungara raportos ĉiutage pri la Kongreso kaj ni povas ankaŭ utilgi tiun servon por konvena informado, se iu perj iono ettus ŝarĝita noti la ĉefajn informojn kaj liver. ilin al la gazetaro aŭ al la agentejoj. Ankaŭ la Centra Oficejo povos helpi en la laste nomita servo, sed plej bone tio ankaŭ okazu en ĉiu lando mem por kiel eble plej rapide kaj aktuale informi. Oni devas kompreni, ke nur se ni eluzas ĉiujn eblecojn, ni havas certan garantion, ke la informado okazas plevaste kaj objektive. Tamen postkongresa informadj per radio-kaj TV-intervjuoj hejme, longaj artikoo loj pri la Kongreso kaj la kongreslando en tagaŭ semajngazetoj kaj ne laste lumbildprelegoj povas havi pli profundan efikon speciale por nia varbado, sed mallongaj aktualaj informoj ĉiam bone vekas la intereson. Cetere efiko de postkongresa informado povas daŭri sufiĉe longe. Aldone al tio, kion mi diris en 73/5 mi povas nun doni al vi praktikan ekzemplon. Vizito de Japanino en kunligo kun lumbildrelego pri Japanujo kaj aranĝo en junulara grupo vekis tion da intereso, ke aperis 15 artikoloj en diversaj gazetoj inter ili 5 kun grandaj bildoj. Unu radioinformo menciis la viziton kaj la televido elsendis bildinformon kun mallonga teksto. Eĉ la konkuremo de la diversaj gazetoj estis vekita. Ĉiu volis kiel unua publikigi la plej belan bildon kaj la plej bonan intervjuon. Mi diru, ke ne mi mem aranĝis ĉion, sed kunlaboris plej celtrafe la landa informa fako kaj la loka informa fako de la junulara grupo, kies gvidanto cetere estas juna ĵurnalisto. Oni pensu do ankaŭ pri tiu parto de la laboro, kiu estas iom en kunligo kun prelegvojaĝoj, pri kiuj ni ankaŭ povos paroli dum la kunsido en Budapest.

(L a ŭ cirkulerletero de la ĝen. sekretario de UEA s-ro Günter Becker.)

---

### „Agrikultura Bulteno"

Tiu ĉi esperanta eldonaĵo estas organo de Internacia Ligo de Agrikulturaj Specialistoj (I. L. A. S.). Ĝi aperas dufoje jare kaj la agrikulturaj ĵurnalistoj-esperantistoj povas ricevi ĝin ĉe la adreso: Ŝterjo Kukuŝev, str. „Oboriŝte", Peŝtera, Bulgario. I. L. A. S havos sian fakkunvenon en Budapeŝto dum la U. K.

### Kunveno de la reprezentantoj de la Informaj Fakoj

La Estraro de UEA decidis, ke dum la UK en Budapeŝto okazu (la 1-an de aŭgusto, verŝajne je la 15-a horo (kunveno de la reprezentantoj de la Informaj Fakoj kun jena tsgordo: 1. Kongresa Gazetara Servo, 2. Principaro de Frostavallen.

# UNU TAGO EN LA GRANDEDA URBO

Jen mi jam alvenis! Antaŭ miaj okuloj aperis la sopirata urbo. Pro ĝi — la plej granda urbo de la mondo — mi vojaĝis dekdu tagojn per vagonaro kaj tri tagojn ŝipe. Mi ekveturis el la sunplena lando de la pitoreskaj montaroj, fekundaj kampoj kaj rozaj valoj, haltis en la pacama Moskvo, trapasis la senfinan Siberion kun la grandaj perloj — la lago Bajkal kaj la rivero Amur-kaj antaŭstaris sur la bordo de lai Japana maro. Malantaŭ mi restis pli ol 12 700 km da vojaĝo. Per la ŝipo „Bajkal" mi travojaĝis la lastan distancon — 1600 km Trans la golfo Cukaro ni eniris la Pacifikan oceanon. La vojaĝo ĉesis en la ŝiphaveno de Jokohama.

Kaj tiel mi alvenis en la landon de la leviĝanta suno.

Sed ni — la plimultiĝinta esperantista grupo-rapidis, dezirantaj tuj vidi la plej grandan ĉeurbon de la mondo. Mi deziris fhalti apud ĝia pordo kaj demandi: ĉu estas permesate eniri, ekkoni, ekmiri peceton de viaj belecoj, interesajoj kaj misteroj orientaj? Malfermu, giganto de la mondo, viajn pordojn. Mi ne timas la kvindek ok efikajn kaj 192 estingiĝintaj vulkanojn. La tajfunoj kaj tertremoj ne estas kapablaj haltigi min. Ne! Ne! Miaj deziroj kondukis min milojn da kilometroj.

Tamen ne eksistas pordo inter la du urboj. La limigita distanco-dek kilometroj — ne estas videbla, ĉar oni ne komprenas — kie finas Jokohama kaj kie komencas Tokio.

La vagonaro haltas en la ĉefstacidomo de Tokio — la plej granda kaj modela stacidomo de Orienta Azio. Dekkvin relparoj. Amaso de vojaĝantoj kaj renkontantoj — Japanoj, eŭropanoj kaj aliaj, svarmas sur la kajoj. Tage 1790 vagonaroj ekveturas aŭ alvenas, portantaj pli ol 500 000 gevojaĝantojn.

Malantaŭ la stacidomo komencas granda strato, ne tre pura, sen nomoj kaj sen numertabuletoj.

Frua mateno. La suno leviĝas malgapide kaj grandioze. Ni direktiĝas al la Nacia ĝardeno de la imperiestro Majĝi — la avo de la nuna imperiestro Hirohito. La aleo estas granda, pura kaj kovrita per ŝtonetoj. Ŝajnas al mi, ke Azio kaj la aliaj kontinentoj renkontiĝis tie ĉi por kune trapasi la sanktan pordon de Meigi. Gejapanoj, vestitaj japnnaj en naciaj kostumoj-kimono kaj specialaj lignaj ŝuoj, kun ventumiloj enmane — ĉe la unua flanko, kaj ĉe la dua — la homoj kun eŭropaj vestoj. Ĝiuj promenas silente miksitaj en unu agrabla koloraspekrro.

La atmosfero estas jam sufoka — 34° subombre. Ni alproksimiĝas al la palaco. Mi estas scivolema: ĉu ĝi estas pli granda, pli bela kaj konforta ol la eŭropaj reĝas palacoj, kiujn mi vizitis dum miaj vojaĝoj tra Eŭropo? La aleo finas apud unuetaĝa domo-malgrando kaj modesta. Sep ŝtupoj kondukas nin al koridoro, post kiu sekvas granda ĉambro. En du vicoj estas ordigitaj elmontraĵoj: la skribtablo de la imperiostro, la toallettablo de lia edzino, libroj kaj pentraĵoj, portretoj de ilia edziĝfesto, oficialaj naciaj vestoj, unu kaleŝo. . .

Ni forlasas la palacon kaj iras laŭ vojeto, kiu finas ĝis verda eta herbejo. En la mezo de la herbejo unuetaĝa ligna domo kun multaj fenestroj. Oni klarigas, ke tio estas tea domo. Maltrankviligas mian animon Ĉoĉo San. Ŝajnas al mi, ke Butterfly aperos tuj, atendanta sian Pinkerton!

— Ave Kimi, — mi turnas min al nia gvidantino — ĉu ankoraŭ ekzistas la kutimo malriĉaj gepatroj vendi sian filinon al la posedantoj de teaj domoj?

Ŝi ruĝiĝas. . . kaj respondas:

— Eble, sed kaŝe. . .

Ni daŭrigas la ekskurson. Sur la fasado de unu kinejo estas granda reklamo-pentrita virino kun tranĉitaj manoj ploras terure kaj la sango sin verŝas sur ŝian korpon. Mi deturnas mian kapon en abomeno. Plu mi deziras nek halti, nek rigardi.

— Ĉu tiaj filmoj plaĉas al la popolo? — ree mi demandas mi Ave Komi.

— Tute ne! Mi neniam vizitas similajn filmojn, ĉar poste mi ne povas dormi tutan nokton.

Proksime estas malgranda domo. Eta ŝtuparo malsupreniras al la pordo. Ambaŭflanke de la pordo staras du belaj, junaj, vestitaj japane virinoj. Ili allogas la virojn per elegantaj riverencoj. Grandan valoron posedas la japanaj virinoj, servantaj kiel logilo por viroj per siaj ĉarmoj!

La abundaj fanaroj kaj misteraj noktaj domoj restis post niaj dorsoj. Antaŭ ni aperas grandega ĝardeno, ĉirkaŭita per kanalo 16 metrojn larĝa. Malantaŭ fortrkaĵa muro, sur kiu staras policistoj, estas parko kaj en ĝi troviĝas la palacoj de la nuna imperiesto. En la malpura verdkolora akvo kanala naĝas biankaj kaj nigraj cignoj. La pontoj, kunligantaj la urbon kun la imperiestra tero, antaŭ 1945 jaro leviĝis ĉiuvespere por certigi la sekurecon de la dominanta familio. Nun tiu ĉi afero ne daŭras plu.

Sidante sur benko apud la kanalo ni observas la proksiman Parlamenton. Ŝajnas al mi, ke ĉiumomente en la aero eksonoros trompetoj kaj homa voĉo avertos la civitanojn kuŝiĝi sur la teron por ne vidi la sanktan personon de la imperiestro, kiu trapasas la stratojn rajdante blankan ĉevalon. Tio estis. . . Nun ĝi estas pasinteco. . .

Piedmarŝante ni rigardas la magezenojn, la sensonore veturantanj miljn da aŭtomobiloj, la homojn-vivajn reklamojn, portantajn plakatojn kaj kriantajn la enhavon de la reklamtekstoj.

Jen la lasta objekto de nia hodiaŭa ekssurso — la scienca-teknika muzeo. Dankon Tokio: per tiu ĉi muzeo vi povas esti fiera! Imponaj elmontraĵoj en aparataj etaĝoj pri diversaj branĉoj de la scienco kaj tekniko, kaj la filmoj, projekciataj ĉiun duoohoron por klarigo de la elmontraĵoj, estas perfekta helpo por la vizitantoj — aĝuloj, lernantoj, ktp. Jen, mi troviĝas sur la lasta — la deka etaĝo de la muzea konstruaĵo. Tra malgranda restoracio ni eliras sur vastan terason.

Saluton Tokio! Mi sentas la batojn de miloj da koroj en tiu ĉi humida nokto. Kvar-kvin personoj de miloj da familioj, enlitiĝantaj sur „tatamojn" turmentiĝas sin pro nesufiĉo de loĝejoj, aero kaj mono. . . Ŝajnas al mi, ke ĝis miaj oreloj atingas plorkrioj. Ploras la infanoj, kiuj nassiĝas ĉiu triminuto. Kaj ĝemas pro doloro la parencoj de mortantoj, kiuj forpasas ĉiu dekminuto!

Tokio! Kiamaniere povas vivi viaj loĝantoj se realiĝos la plano de la urbestraranoj kaj dum la jaro 1957 via loĝantaro nombros 29 milionojn? Ĉu la surfaco 80 km en diametro, kiun vi nun havas, estos sufiĉe vasta por enhavi kaj kontentigi tiun ĉi popolon? Kiamaniere povas spiri la civitanoj, ne havantaj hejme klimatikan instalaĵon!? Kaj ĉu ankaŭ matene kaj vespere, kiel nun, dormos en la subteraj tramoj mortelacaj laboruloj, irantaj —

(Sekvas sur b. 6)

(Daŭrigo de p. 6)
aŭ revenantaj de laboro?

Mi rigardas la ĉielajn steletojn, kiuj konkuradas kun la diverskoloraj neonaj lumoj senĉese tremantaj kaj ŝanĝantaj siajn kolorojn. Malproksime vidiĝas la alta televidturo kaj la fama turniĝanta restoracio. Sub miaj piedoj mi vidas la urbocentron, belega kaj riĉa, kaj en la profundeco — la ekbrilojn de la antaŭurbaj mizeraj dometoj.

— Bonan nokton, pacamaj japanaj laboruloj!... Vi estu trankvilaj. Kune kun vi la pacon sopiranta homaro ne permesos al la sangavidaj militinstigantoj ripeti la teruraĵojn de Hiroŝima kaj Nagazaki.

La steletoj surĉiele vibras kvazaŭ ripetante mallaŭte: „Bonan nokton!". . Eble la samaj steletoj post kelke da horoj aperos sur mia patrolanda ĉielo kaj bondeziros per la samaj vortoj la al bulgaraj laboruloj: Bonan nokton! . .

Morgaŭ matene ni daŭrigos la ekskurson tra Tokio kaj poste tra la lando.

**Neli C. Abagieva**

---

## HUMORO



V. Jlev — Memkritiko



Sen vortoj (El „Eulenspiegel")



V. Iliev — Mi petas fajreton)

---

NIA POŜTO

V l a d y s l a w W o l a n s k i, Zielona Gora, ul. Bema 38/2, Pollando. — Vi estas enskribita kiel regula membro de TEĴA. La organon vi ricevos regule. Pr pago de kotizoj vi legos en „Int. Ĵ-sto".

H e r i b e r t S h i l e r, 6142 Bensheim-Auerbach Darmstaedterstrasse 118, Germanio. — Ankaŭ vin ni enlistigis kiel membron de TEĴA. Informu la redakcion, ĉu vi ricevas regule nian organon. Pri pagoj de kotizoj aperos anoncoj en „Int. Ĵ-sto".

E m i l M a y e r, Krakow, Pollando. — Dankon por ĉio. Bonvolu sendi al ni la precizan adreson de Jerzy Uspienski el Varsovio, ĉar li ne respondas al niaj leteroj.

P. P a l k a n y i, Budapest, Hungario. Ni ricevis ĉion, Sinceran dankon. „Int. Ĵ." atendas pluajn kontribuaĵojn.

L u d o v i k o C s o n k a, Budapest IV, Hungario. — Dum la jarkunveno de TEĴA en Budapeŝto ni nepre renkontiĝu kaj priparolu viajn demandojn. Sendu al ni vian pli klare skribitan adreson.

A. H a r k o v s k i j (S a m o j l o v i ĉ), USSS. — La letero de la poeto Pavel Antoholshij pri Esperanto estas interesa, maigraŭ nefavora. Ĝin ni ne aperigos, sed certe en iu artikolo ĝi estos menciita. Sed la sovetaj esperantistoj devas konvinke respondi al li.

M. Z g o r z e w s k i, Wroclaw, Pollando. — Tre interesaj estas la artikoloj, kiujn vi sendis. Sed bedaŭrinde, pro manko de loko ili ne aperos. Sed ni utiligos ilin alimaniere: tralego en E.-kunveno k. a. Ni represas la artikoleton pri via jubileo. Estu sana kaj feliĉa, gratulojn.

# SESDEKKVINJARA JUBILEULO*

## Mieĉislav Zgorzewski el Vroclavo

Inter la pola esperantistaro oni apenaŭ trovus iun, kiu estus dediĉinta sin al la propaganda poresperanta laboro kiel s-ano mag. fil. Mieĉislav Zgorzewski el Vroclavo. La 13-an de majo 1965 li festis la 65-jaran datrevenon de sia naskiĝo.

Malgraŭ jam de ok jaroj grava kormalsano li faras sinofereme tre utilajn servojn ekde la jaro 1917, kiam li esperantistiĝis, kiel 17-jara junulo.

Kiel aktiva socialisto-esparantisto en la jaro 1919 li fondis kaj gvidis sian unuan Esperanto-grupon por diversprofesiaj laboristoj en Proletara Klubo en Warszawa (tiatempe ĉe Leszno str. 51—53). Post la dua milito, kiel prezidanto de Mara Ligo Krakow-Miasto, li mem prezidis ankaŭ la Esperantan rondon ĉe L. M. en Krakovo dum la jaroj 1945—1949. En januaro 1958 interalie li foudis kaj ĝis nun prizorgas la Tutmondan Korespondan kaj Kolektantan Klubon, nomatan „AMIKA SERVO", ĉe grava ilustrita pollingva semajna gazeto „KULISY" (Kulisoj) en Varsovio (eldonkvanto 300-miloj de ekz.), kies tre aktiva muziksekcio „LA VERDA LIRO" eldonas de tempo al tempo multajn modernajn kantojn enforme de memorigaj foto-muzikkartoj kun pola kaj esperanta tekstoj kaj notaro. Interalie s-ano Zgorzewski verkis aŭ mem esperantigis plnrajn kanto-tekstojn el pola kaj fremdaj lingvoj.

Sinceran admiron kaj dankan estimon meritas krom diversaj literaturaĵoj originalaj kaj esperantigitaj lia vigla kaj precipe modela poresperanta kaj peresperanta agado, kiel senlaca PACBATALANTO! Interalie li verkis ankaŭ priesperantajn nacilingvajn artikolojn pri D-ro Ludoviko Zamenhof (kiun li en la jaro 1915 persone konis en Varsovio), pri Esperanto kaj Universala Esperanto-Asocio (UEA), interalie li tradukis pollingven la artikolon de prez. de UEA S-ano Canuto, kiun oni aperigis en vroclava ĉiutaga gazeto „SLOWO POLSKIE". Krome li estas kunlaboranto de la UEA-Gazetara Servo.

Nia meritoplena s-ano Zgorzewski partoprenis la duan militon kiel partizano en regimento de la pola Popola Armeo (AL), i. a. dum Varsovia ribelo — (1944 — pseŭd. „Miecz" — „Marian"). Li estis plurfoje honorita per militordenoj, medaloj kaj civajl distingiloj. Lastatempe li ricevis en la jaro 1951 la Kavaliran Krucon de Polujo Reviviĝinta (Krzyž Kawalerski Orderu Odrodzenia Polski). Krome li posedas multajn meritodiplomojn pri sia vigla socia kaj porpaca agado.

Ni deziras al S-ano mag. fil. Mieĉislav Zgorzewski baldaŭan resaniĝon kaj ankoraŭ multajn jarojn de bonstato kaj feliĉo kaj pluajn viglajn kaj modelajn sukcesojn en la Esperanto-movado.

mag. Ar-ka (Kielce) (CR)

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" salutas sincere la kolegon-jubileulon mag. fil. Mieĉislav Zgorzewski kaj bondeziras al li sanon, longan fruktodonan vivon kaj novajn sukcesojn en lia poresperanta kaj porpaca laboro.

---

* Rim. El „Paco" de MEM, n-ro 148, 1966-ĉeĥoslovaka eldono,

---

# Ricevitaj esperantaĵoj

— Versoj Elektitaj de Sergej Esenin. — Kompilita kaj redaktita de K. Gusev kaj I. Ĥoves, ilustrita de V. Cvetkova, 66-paĝa libreto. Eldonis: Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskvo, 1965.

— Por la Paco — kvara 64-paĝa kajero. Entenas kulturajn kaj porpacajn artikolojn, prozon kaj poezion k. a. Eldono de la Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskvo 1966.

— Lingvologia Revuo — n-ro 1-a Esperantlingva fakeldonaĵo por lingvologio, kalkuleca lingvoscienco, du jara 8-paĝa gazeto. Adreso: P. O. Box 764, Ingham, N. Queetland, Aŭstralio.

— La Esperanto-Societo — gazeto pri organizaj problemoj. Eldono de UEA kun elstazaj artikoloj de estraranoj de UEA, ilustrita.

— La Gas-Eskalado kaj la Monda Opinio. Ilustrita 36-paĝa libreto pri la militkruelaĵoj en Sudvietnamio. Fremdlingva Eldonejo, Hanojo, Vjetnamio, 1966.

— Orebro — la urbo kaj gubernio. — Faldfolio ilustrita kun du mapoj pri la 700-jara urbo en Meza Svedio. Liverebla ĉe Orebro Esp. societo, Kurt Frisk, Nhgatan 84,8 tr., Orebro, Svedio.

— Elektitaj libroj en Esperanto. — Libreto-katalogo 64-paĝa, ilustrita. Eldonis UEA.

— Manifesto al la germana popolo kaj al la popoloj kaj registaroj de la mondo. 8-paĝa broŝuro, eldonita en Demokrata Germana Respubliko 1965.

### pri la sekvantaj Universalaj Kongresoj de Esperanto

La Estraro de Universala Esperanto-Asocio, kiu organizas la ĉiujarajn mondajn kongresojn de Esperanto, decidis, ke la Kongreso en 1967 okazos en Tel Aviv (Israelo) kaj tiu en 1968-en Madrido (Hispanio).

* * *

V. Beniĉek, placo de Jirasek 4, Litomomyŝl, Ĉeĥoslovakio-lerta lingve, 74 jara, dez. interŝanĝi leterojn, il. k. kaj aliajn ajojn laŭ ebleco.

Kolegoj teĵanoj! „Internacta Ĵurnalisto" jam eniris sian dekan eldonjaron. Ĝi' estas plibonigita, sed via kunlaborado estss tre ege necesa. Sendu kontribuaĵojn al la redakcio!

INDUSTRIA KOMBINUMO

urbo SVIŜTOV

**(Fako de premstampado)**

**PRODUKTADO DE**



**Kribriloj el ĉiuspecaj ferladoj, diversaj laŭ la dimensio de la aperturoj, konten:**
**tigantaj ĉiujn postulojn;**
**tegmentvizieraj ferladaĵoj;**
**kombiloj kaj ĉenoj por kardmaŝinoj kaj ĉiuspecaj ŝraŭbingoj por seĝoj; ŝoveli — letoj por terkarbo kaj rubo;**
**paperpremiloj por molaj paperujoj;**
**angullatoj por oranĝeriaj kadroj;**
**ladstrioj por latkestoj;**
**matoj el junko;**
**junkplatoj — konfekcie kaj laŭmende.**

**SERVOJ**

**konekse kun:**

**murfarbado, riparado de skrib-, kalkul-, kaj stebmaŝinoj, muzikinstrumentoj, motorcikloj, radioriceviloj, televidiloj; teksado de Ĵakapd-tipaj teksaĵoj; akumulatoroj; vulkanizado, ŝtanado, feraĵekipedo de veturiloj; vitroprovizado kaj vitropoluradode bufedoj, vestokudrado, ellaborado de kotonremburitaj dormokoviloj kaj matracoj.**

**Laŭ deziro de la klientoj**

**la Industria Kombinumo sendas senpage detalan katalogon pri la specoj kaj la teknikaj kvalitoj de la fabrikataj kribriloj.**

Telefonoj:

| | | |
|---|---|---|
| Direktoro | — | 62 |
| Teknika administranto | — | 426 |
| Ĉefkontisto | — | 585 |
| Provizfako kaj debitejo | — | 132 |
| Stempejo | — | 330 |

---

*Adreso de redaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Ĥristo Botev 98, Sofia — 2, Bulgario; telefono: 3-34-04*

**INDUSTRIA KOMBINUMO „MARICA“**

**DISTRIKTO DE SOFIA**

Telefonoj:

| | | |
|---|---|---|
| Direktoro | — | № 102 |
| Teknika administranto | — | „ 136 |
| Ĉefa kontisto | — | „ 103 |
| Plan-fako | — | „ 135 |
| Riparejo | — | „ 131 |
| Fako por kartonaĵoj | — | „ 128 |
| Kudro-fako | — | „ 66 |

Kalkulkonto 34/7 — Bulgara Nacia Banko ĉe Fervojstacio KOSTENEC

**PRODUKTADO DE:**

**Kartona pakmaterialo — Ĉiuj, inkluzive skatolojn el ondkrispigita mola kartono; infanaj ludiloj — el ligno kaj metalo; arte ellabor taj fabrikoj por dom-ornamo.**

**SERVOJ:**

**Ŝuistaj, kudristaj, ĉarpentistaj, vitraĵistaj ferajistaj, ferladaĵistaj, robebenado de elektro-tromotoroj, riparado de radioriceлiloj, radio aparatoj, elektro-instalaĵoj, k. a.**

**UNUIĜINTA INDUSTRIA INTREPRENEJO „GEORGI DIMITROV" — urbo SLIVEN**

**Produktado de:**

**ĉiuspecaj lanteksaĵoj,**

**lanaj aŭ kotonaj dormokovriloj,**

**tapiŝoj por la enlanda kaj eksterlanda merkatoj.**

**Riĉa sortimento de unukoloraj kaj bunte desegnitaj ŝtofoj**

**por virinaj, viraj kaj infanaj kostumoj,**

**roboj, manteloj kaj vintraj supervestoj.**

**Preferu la ŝtofojn kun la fabrikmarko de la Unuiĝinta Industria Entreprenejo „Georgi Dimitrov" — Sliven.**